der esperantist

**Mitteilungsblatt der Esperantofreunde im Kulturbund der DDR**

11. Jahrgang Nr. 72 (4/1975) 30 Pf

# La Germana Kamparana Milito

**eminenta klasbatalo en la historio de nia popolo**

*„Omnia sint communia“ (Ĉio estu komuna) Thomas Müntzer, 1525*

Prospero de produktivaj fortoj en la 15a kaj 16a jarcentoj, progresoj en scienco kaj tekniko, evoluo de novaj produktiloj, prosperanta produktado de varoj, krevigis la limigon de simpla naturalekonomio. Novaj varo-mono-rilatoj trarompis barilojn, la sociala strukturo de l'popolo diferenciĝis, kreskis riĉeco kaj malriĉeco.

Tiuj ĉi profundaj socialekonomiaj ŝanĝoj estis ligitaj kun mizeriĝo de l'vivostato de larĝaj popolotavoloj. Pleje plimalboniĝis la stato de la kamparanoj, sur ili pezis la tuta ŝarĝo de la socio.

Tio kaŭzis depost komenco de l'14a jarcento plurajn kontraŭfeŭdajn amasmovadojn en Eŭropo. La Husita-movado estis kulmino de tiuj klasbataloj.

Je la fino de la 15a jarcento plimultiĝis revoluciaj aktivecoj de germanaj kamparanoj kontraŭ iliaj feŭdaj mastroj. Samtempe okazis ribeloj de metiistoj kaj plebanoj kontraŭ la patricia supra tavolo en la urboj. La ribeloj ĉiam plifortiĝis ĝis al la proklamo de la 95 tezoj de Martin Luther 1517 sur la portalo de la kastela preĝejo en Wittenberg. Per sia kritiko kontraŭ indulgenco kaj fistatoj en la papa eklezio, Luther atakis fortan angulpilastron de l'feŭdismo. Lia atako plifortigis la opozician tendencon en la popolo. La postulo pri Reformacio estiĝis ĝenerala popolmovado. La ekspluatitaj popolamasoj esperis pri nuligo de la plej mizeraj statoj. La pliakriĝinta antagonismo kaŭzis, ke la kritiko de

klerikalismo fluis en la batalon kontraŭ la tuta feŭda sistemo. La kamparanoj postulis ĉesigon de la servutado kaj de la plej premigaj impostoj. La ribeloj de la malsupraj popoltavoloj etendiĝis kaj plimultiĝis. Komencante en Sudgermanio, ekflamis la revolucia movado baldaŭ en multaj regionoj de la regno. Dum la decida revolucia fazo 1524—1525/26 leviĝis centmiloj da kamparanoj, ministoj, metiistoj, kaj plebanoj kontraŭ la feŭda reĝimo. Centroj de la ribeloj estis Sud-kaj Mezgermanio kaj la Alpolandoj. La revoluciaj fortoj konkeris kastelojn, palacojn kaj monaĥejojn.

Malgraŭ militista supereco la kamparanoj kelkloke hezitis, kredis falsajn promesojn, esperante, ke iliaj postuloj estus plenumitaj sen batalo. La princoj eluzis la situacion, prokrastigis promesitajn kontraktojn kaj profitis tempon por plifortigi, ŝanĝgrupigi kaj unuigi siajn fortojn. Tiel ŝanĝiĝis la fortoj-proporcio, kaj sukcesis al la princoj, post izoligo ataki kaj venki unuopajn kamparanajn rotojn.

Kulminon atingis la Germana Kamparana Milito dum printempo sur Turingia-Saksa teritorio. Decida batalo okazis la 14-an / 15-an de majo 1525 sub la gvido de Thomas Müntzer. Ankaŭ tie sukcesis al la unuigitaj armeoj de la princoj trompi kaj fine venki la heroe luktantajn kamparanojn, metiistojn, plebanojn kaj ministojn sur la batalkampo de Frankenhausen.

La venĝo de la princoj furiozis kruele, miloj de la batalantoj estis mortbatitaj, ofte post teruraj torturoj. Sekvis drakona plifortigo de la servutado.

La granda batalo de la Fruburĝa Revolucio estis malvenko. Ĝi estis la unua granda ekleviĝo de la germana popolo, kaj ĝi pruvis la historioformigan potencon de la popolamasoj. El sia mezo estiĝis eminentaj ideologiaj gvidantoj, kiel Thomas Müntzer, kiu daŭrigis la de Martin Luther iniciitan Reformacion. Müntzer ne povis realigi „Reĝon de Dio", sen subpremo kaj ekspluatado. La kamparanoj ne povis venki, mankis unuiganta gvidado de ĉiuj opoziciaj fortoj per la burĝa klaso.

La revolucia heredaĵo de la Germana Kamparana Milito estas gardita en la Germana Demokratia Respubliko kaj nur tie estis plenumitaj la postuloj de la kamparanoj. Post liberigo de l'faŝismo per la glora sovetarmeo estis redonita la tereno al la kamparanoj. En alianco kun la laborista klaso, la kamparanoj evoluis al konscia, klera klaso de kooperativaj kamparanoj, kiuj sukcese partoprenas la konstruon de evoluinta socialisma socio sur germana teritorio.

*Rudolf Hahlbohm*

*Detlev Blanke*

# Traditionen der deutsch-sowjetischen Freundschaft in der Arbeiter-Esperanto-Bewegung (IV) – Schluß

*Anläßlich des 30. Jahrestages der Befreiung des deutschen Volkes vom Hitlerfaschismus durch die Rote Armee*

### 4.3.6. Zur ideologisch-erzieherischen Wirkung der deutsch-sowjetischen Beziehungen der Esperantisten auf die Bewußtseinsentwicklung deutscher Arbeiter

Da die Arbeiter-Esperantisten sich nicht sektiererisch isolierten, sondern ihre internationalen Verbindungen voll einordneten in die politischen Aktivitäten der revolutionären deutschen Arbeiterbewegung, ging die politisch-ideologische Wirkung der Kontakte mit der Sowjetunion natürlich weit über die Kreise der Esperantisten hinaus. Die direkten und intensiven persönlichen Beziehungen, welche dank der leicht erlernbaren internationalen Sprache Esperanto mit Bürgern aus der Sowjetunion entwickelt wurden, waren ideologisch außerordentlich wirksam, da die persönliche Mitteilung natürlich weitaus eindrucksvoller ist als Pressenachrichten.

So mancher parteilose Arbeiter-Esperantist korrigierte durch diese persönlichen Kontakte sein Bild über die Sowjetuinon oder wurde Mitglied der KPD. Für die meisten Arbeiter-Esperantisen, das unterscheidet sie von den „neutralen" bürgerlichen Esperantisten, war Esperanto nicht Selbstzweck oder ein Instrument zur Lösung sämtlicher sozialer Probleme, sondern ein nützliches Mittel im politischen Kampf der Arbeiterklasse, nicht mehr, aber auch nicht weniger. Viele hervorragende Funktionäre der SED und Massenorganisationen der DDR, die ehemals dem AEB angehörten, heben diese Tatsache immer wieder hervor.

So betont Ernst Diedrich aus Warin, der mit 21 Jahren Mitglied der KPD wurde: „Die leitenden Genossen der Rostocker Landesleitung der KPD, Bernhard Quandt, Hans Warnke und andere waren eben unsere (auch die der parteilosen Esperantisten) Arbeiterführer ... Unsere Freudigkeit und Begeisterung für die Sowjetunion und den Sozialismus, für die Komintern, verbunden mit dem vielen Briefwechsel in Esperanto, zog immer wieder ehrliche Menschen aller Schichten zu uns heran".[101])

Und Gerhard Raupach aus Burkhardtsdorf schreibt: „Der Briefaustausch mit Arbeiter-Esperanto-Freunden aus Finnland, Schweden, Frankreich, England, der ČSR, Japan und anderen Ländern, vor allem aber mit Esperanto-Freunden aus der Sowjetunion, war für mich entscheidend für meine weitere politische Entwicklung zum Funktionär der Partei der Arbeiterklasse und Freund der Sowjetunion".[102]) Rudi Graetz, der 1931 von der SPD zur KPD übertrat,[103]) betont ebenfalls den unmittelbaren Anteil, den sein sowjetischer Freund an diesem Entschluß hatte: „Als der Briefwechsel begann, war ich noch kein Freund der Sowjetunion ... Ich war durch die antikommunistische

sozialdemokratische Presse falsch informiert worden. Resnitschenko setzte sich in seinen Briefen mit meinen Anschauungen geduldig auseinander, und allmählich wurden nicht nur wir beide Freunde, sondern ich wurde auch ein Freund der Sowjetunion".[104])

## 5. Die fortschrittlichen Traditionen der Arbeiter-Esperantisten heute wieder lebendig

Als 1965 die Esperantisten der DDR ihre geistige und organisatorische Heimstatt im Kulturbund fanden, waren die politischen Erfahrungen der ehemaligen Arbeiter-Esperantisten für die ideologische Orientierung der internationalen Arbeit mit dem Esperanto von unschätzbarem Wert. „In ihrer Tätigkeit", so heißt es in den Leitsätzen für die Arbeit der Esperantisten, „stützen sich die Esperantisten der DDR auf die fortschrittlichen Traditionen der Arbeiter-Esperanto-Bewegung und wenden sie schöpferisch an."[105]) Verdienstvolle Arbeiter-Esperantisten stehen heute wieder an der Spitze der Esperanto-Bewegung der DDR. Der Vorsitzende des Zentralen Arbeitskreises Esperanto im Kulturbund der DDR, Rudi Graetz, war vor 1933 beispielsweise Leiter der Bezirksorganisation des AEB und der IfA in Mecklenburg. Der stellvertretende Vorsitzende, Willi Vildebrand, war 1930–32 Vorsitzender des Deutschen Arbeiter-Esperanto-Bundes.

Die gesellschaftlichen Ideale, für die die Arbeiter-Esperantisten in der Zeit der Weimarer Republik gekämpft hatten, sind in der DDR verwirklicht worden. Ähnlich wie die sowjetischen Esperantisten seinerzeit mit Hilfe der internationalen Sprache über die Erfolge beim Aufbau des Sozialismus weltweit informierten, nutzen auch die Esperantisten der DDR ihre ca. 20 000 Korrespondenzbeziehungen in über 80 Ländern, die verschiedenen Informationsmaterialien (Bücher, Zeitschriften, Filme), die in der DDR in Esperanto erscheinen, sowie ihre Aktivitäten in internationalen Organisationen (Weltfriedens-Esperanto-Bewegung MFM), Esperanto-Weltbund (UEA), um das Ansehen der Deutschen Demokratischen Republik im Ausland zu erhöhen sowie die Ideale des Friedens und des Sozialismus in der Welt zu verbreiten.

Ein hervorragendes Anliegen des internationalistischen Wirkens der Esperantisten der DDR ist es natürlich, u. a. besonders die Freundschaft mit der Sowjetunion auch mit Hilfe der internationalen Sprache weiter zu vertiefen. Seit seiner Gründung hat der Zentrale Arbeitskreis Esperanto im Kulturburd der DDR enge und herzliche Beziehungen zu den „Kommissionen für internationale Verbindungen sowjetischer Esperantisten", die im Rahmen der Union für Freundschaft und kulturelle Verbindungen mit dem Ausland (SSOD) in Moskau und in den einzelnen Sowjetrepubliken wirken.

Viele freundschaftliche Verbindungen aus der Zeit der Weimarer Republik, von denen hier berichtet wurde, bestehen bis heute.[107]) Neue wurden geknüpft. Eine intensive Korrespondenz, gegenseitige Freundschaftsbesuche,[108]) der Austausch von Materialien und ein gemeinsames Wirken auf internationalen Esperanto-Veranstaltungen sowie Freundschaftsverträge sind Ausdruck der sich ständig vertiefenden engen Freundschaft zwischen Esperantisten der DDR und der UdSSR.[106])

Seit seinem Bestehen (1965) hat das Mitteilungsblatt der Esperantofreunde im Kulturbund der DDR „der esperantist" in über 100 Artikeln über die Entwicklung dieser Freundschaft sowie über die sowjetische Esperanto-Bewegung berichtet.

Getreu dem historischen Vermächtnis und in Übereinstimmung mit dem sich stürmisch entwickelnden Freundschaftsbündnis zwischen der UdSSR und der DDR leisten die Esperantisten der DDR ihren spezifischen Beitrag zur Vertiefung der deutsch-sowjetischen Freundschaft. Dieser Beitrag wird ständig größer.

Historische Erkenntnis und klare Vorstellungen von der Zukunft sind unabdingbare Voraussetzungen für die Meisterung der Gegenwart.

---

101) Diedrich, Ernst: „Wir und unsere Arbeiterpartei" in „der esperantist" Nr. 32/33 (Juli—August 1969), S. 26—27

102) Raupach, Gerhard: „Wie mir Esperanto geholfen hat, ein begeisterter Freund der Sowjetunion und Marxist-Leninist zu werden" in „der esperantist" Nr. 38/39 (Januar/Februar 1970), Seite 38—39)

103) „Arbeiter-Esperantist" 1/1931. S. 5, vgl. auch „der esperantist" 32/33 (Juli—August 1969), S. 26

104) Graetz, Rudi: „Der Einfluß der Großen Sozialistischen Oktoberrevolution auf deutsche Arbeiter-Esperantisten in „der esperantist Nr. 16/17 (November-Dezember 1967), S. 9

105) Leitsätze für die Arbeit der Esperantisten in der DDR in „der esperantist" Nr. 54 (August—Oktober 1972), S. 8

106) vgl. auch Blanke, Detlev: Freundschaft der Esperantisten in „Sowjetfrau" 6/1973, S. 19, Moskau, deutschsprachige Ausgabe

107) vgl. z. B. W. Willendorf; I. Krolik: „der esperantist" Nr. 2/1975, S. 23

108) vgl. „der esperantist" Nr. 54 (August—Oktober 1972), S. 10—11

---

*Detlev Blanke*

## Tradicioj de la germana-soveta amikeco en la Laborista-Esperanto-movado

### Okaze de la 30a datreveno de la liberigo de la germana popolo el sub la faŝisma jugo per la Ruĝa Armeo

**Resumo:**

Ĉapitraro de la skizo („der esperantist" 1—4/1975):

1. La lingvo Esperanto — rimedo en la batalo de la internacia proletaro
2. Germana Laborista Esperanto-Asocio (LEA) — organizaĵo de l' revolucia germana proletaro
3. Esperanto en la servo de informado pri USSR
4. La kontribuo de la laboristaj esperantistoj ĉe la evoluigo de la germana-soveta amikeco dum la tempo de la respubliko de Vaimar

4.1. Germana-soveta amikeco — tradicio de la revolucia laborista movado

4.2. Antaŭkondiĉoj por la evoluo de germana-soveta amikeco per Esperanto

4.3. Kelkaj formoj de la rilatoj inter sovetaj kaj germanaj laboristaj esperantistoj kaj pri ties politika efikeco

4.3.1. Esperanto-korespondado inter germanaj kaj sovetaj laboristoj

4.3.2. Sovetaj kaj germanaj Esperanto-korespondaĵoj en la nacilingva gazetaro

4.3.3. Interŝanĝo de flagoj

4.3.4. Konkursoj

4.3.5. Germanaj laboristaj esperantistoj en Sovetunio

4.3.6. Pri la ideologi-eduka efiko de la germanaj-sovetaj rilatoj de la esperantistoj je la evoluo de la politika konscienco de germanaj laboristoj

5. La progresemaj tradicioj de la laboristaj esperantistoj —hodiaŭ denove vivaj

6. Fontoj

De la pli ol 700 projektoj de konscie kreita internacia lingvo (aŭ skribo) nur Esperanto pruviĝis plentaŭga por la internacia komunikado. Ĝi atingis tutmondan disvastiĝon, estas aplikata en multaj branĉoj de la homa aktiveco kaj ludas pligraviĝantan rolon por la internacia kultura interŝanĝo kaj la monda pacmovado. La politikan kaj ideologian valoron de Esperanto jam komence de la 20a jarcento komprenis laboristaj rondoj. Pere de „Sennacieca Asocio Tutmonda (SAT)“ kaj poste la revolucia „Internacio de Proleta Esperantistaro (IPE)“ Esperanto servis kiel ilo por la klasbatalo de laboristoj el multaj landoj. Gravan lokon havis la evoluigado de rilatoj al la juna Soveto Unio, i. a. pere de Proleta Esperanto-Korespondado (PEK).

Speciale intimaj estis la rilatoj inter la 1911 fondita Germana Laborista Esperanto-Asocio (GLEA) kaj Sovetrespublikara Esperantista Unio (SEU).

En GLEA, kie la komunismaj fortoj estis ĝenerale gvidaj, speciale post 1930, multaj ligoj estis realigitaj al sovetaj esperantistoj. En Sovetunio Esperanto ludis i. a. tre gravan rolon en la informado eksterlanden pri la nova laborista ŝtato.

Multaj faktoj pruvas, ke la soveta Esperanto-movado, ĝis ĝia malapero fine de la 30aj jaroj, estis la plej forta iam ajn ekzistinta Esperanto-movado en nacia skalo. Ĉar la germana-soveta amikeco havis fortan tradicion en la ambaŭlandaj laboristaj movadoj, kaj ĉar la ambaŭlandaj laboristaj esperanto-movadoj estis tre fortaj, ekzistis bonegaj kondiĉoj por la multflanka evoluigado de la germana-soveta amikeco ankaŭ pere de Esperanto. Elstaran rolon ludis la individuaj kaj kolektivaj Esperantokorespondaj rilatoj, kiuj estis la plej fortaj entute el inter la multaj internaciaj korespondaj ligoj, kiujn havis la sovetaj esperantistoj. Multaj korespondaĵoj estis vaste utiligitaj en la germanlingva, precipe komunista gazetaro por informi la germanajn laboristojn pri la konstruado de la socialismo en Sovetunio kaj por senbazigi mensogojn en la burĝa gazetaro. Ankaŭ en multaj sovetaj gazetoj aperis korespondaĵoj de germanaj laboristoj, tradukitaj rusen el Esperanto, kiuj informis pri la situacio en la kapitalisma Germanio, „La Respubliko de Vaimar“ (1919—1933).

El tiuj individuaj kontaktoj evoluis fortaj ligoj inter laboristaj kolektivoj el ambaŭ landoj. Kiel simbolo de la amikeco estis interŝanĝitaj flagoj, ofte kun esperantaj surbrodaĵoj, kiuj parte en Germanio estis savitaj antaŭ la faŝistoj kaj nun, en GDR, estas ekspoziciaĵoj en diversaj muzeoj. Ankaŭ konkursoj inter uzinoj kaj laboristaj kolektivoj pere de Esperanto estis organizitaj inter ambaŭ landoj. La venkintoj ankaŭ interŝanĝis flagojn kaj organizis la interŝanĝon de delegitaroj.

Multaj germanaj esperantistoj laboristoj utiligis la eblecojn kaj vizitis por pli longa tempo Sovetunion. Ili tie laboris, migradis tra la respublikaro kaj konatiĝis pri la atingoj de la socialisma konstruado. Revenintе hejmen al Germanio, ili vaste raportis pri siaj spertoj kaj travivaĵoj en Soveta Unio. La ideologia-eduka efiko de tiuj kontaktoj al Soveta Unio estis tre granda je la germanaj laboristoj, kaj tute ne nur limigita al esperantistoj. Multaj germanaj laboristaj esperantistoj kaj pere de Esperanto informitaj neesperantistoj, fariĝis sinceraj amikoj de Soveto Unio, veraj komunistoj, kiuj batalis kontraŭ la faŝismon kaj partoprenis la ekkonstruon de socialisma germana ŝtato post 1945.
Multaj de ili hodiaŭ aktivas gvidpozicie en la esperanto-movado de GDR. La tradicioj de la revolucia laboristaesperanto-movado, speciale ankaŭ la germana-soveta amikeco, plene vivas en la aktuala esperanto-movado de GDR, kiu aktivas en Kulturligo.

---

## *Virinoj kaj Esperanto*

*Okaze de la Internacia Jaro de la Virino ni memoras pri la virinoj, kiuj faris bonajn servojn al Esperanto*

La unua virino, kiu akiris meriton ĉi-rilate, sendube estis

**Klara Zilbernik,** la edzino de Zamenhof. Ŝi tolereme dividis la sorton de malriĉa okulkuracisto d-ro Esperanto. Per ŝia doto povis aperi la unua lernolibro de Esperanto, la 14an de julio 1887.
Inter la literaturistoj ankaŭ troviĝas virinoj.

**Maria Ŝidlovskaja,** rusino, esperantistino ekde la jaro 1907 famiĝis kiel lerta tradukantino de rusaj verkoj en Esperanto. Krome ŝi instruis la internacian lingvon kaj veturis eksterlanden propagandinte la lingvon.

**Maria Hankel,** germanino, 1844—1929, aŭtorino de originalaj poemverkoj, estis bonsukcesa. Dum la Esperanto-Kongreso en Barcelona ŝi partoprenis en la konkurso kaj gajnis la literaturan premion kune kun Edmond Privat.

**Hilda Dresen,** naskita 1896, estas tutmonde konata estona Esperanto-poetino. Dum sia longa vivo ŝi verkis multajn originalajn poemojn. Ankaŭ ŝi multe tradukis el estona, rusa, germana kaj aliaj lingvoj, de entute ĉirkaŭ 100 poetoj.

**Magda Carlson,** naskita ankaŭ 1896, eminentis en la poezia parto de Sveda Antologio. Majstraj estas kelke da ŝiaj Baudelaire-interpretoj en la „Floroj de l'Malbono".

Dum la dua mondmilito **Lidia Zamenhof,** la filino de Doktoro Zamenhof, pereis en faŝista koncentrejo. Ŝia plej konata traduko estas tiu de „Quo vadis" de Sienkiewicz.

**Marjorie Boulton,** anglino, naskita 1924, verkis laŭ la peto de grava brita eldonejo la biografion de Zamenhof anglalingve kaj poste esperantigis la verkon. Ankaŭ ŝi skribis koncizan historion de la movado. Krome ŝi verkis poemlibrojn.

## Recenzo:

**Josef Nesvadba „La perdita vizaĝo", tradukis Adolf Staňura, eldonis Ĉeĥa Esperanto-Asocio, 1974, 112 paĝoj**

En 12 scienc-fiksiaj rakontoj la aŭtoro, ĉeĥa psikiatro, kiu atingis sufiĉe grandan konatecon, esprimas la kredon pri nerefutebleco de la fundamentaj homaj valoraĵoj, pri la homa kapablo influi sian propran sorton kaj tiun de la estonta mondo.

Sed kiel Nesvadba tion faras, vere estas interesokapte kaj originaiece. En iuj noveloj partoj el la pasinta historio (ekz. la unua mondmilito, tempo de la faŝismo, atombombaj proveksplodoj) aŭ proksima estonteco kunligiĝas kun scienc-fikciaĵoj, nekutimaj kvazaŭ nerealaj okazaĵoj. Ĉiuj noveloj havas klaran kontraŭmilitan aŭ humanisman karakteron.

Jen du ekzemploj. En „idioto de Peenemuende" ekzemple la debila knabo de la projektisto de la nazia mirakla raketo (Wunderwaffe) V 2 frenezgenie produktas etajn raketojn por mistere detrui la enurbajn domojn de tiuj, kiuj malplaĉis al li, tiel solvante taskojn, kiujn la patro ne kapablis. En „La perdita vizaĝo" vizaĝkirurgo transplantas al danĝera murdisto vizaĝon de ĵus mortinta pastro kaj mem estas devigita ŝanĝi sian propran kontraŭ tiu de la rabisto. Jen ŝanĝiĝas la eco de la homoj. La kirurgo fariĝas murdisto kaj la iama murdisto preskaŭ pastro.

La rakontoj estas mallongaj kaj bone legiĝas. La traduko estas ĝenerale flua kaj klara. Kiel nekutiman vorton mi notis „versimile", eble ĉeĥismo kun la signifo „verŝajne".

Entute la libreto estas tre rekomendinda legaĵo, des pli ĉar sciencfikciaj rakontoj en Esperanto certe ne multas. La libreto estas mendebla ĉe Centra Laborrondo.

D. B.

---

(resto de paĝo 7)

**Julie Ŝupichova**, ĉeĥa instruistino, verkis multe da lego- kaj lernolibroj. La plej grava verko aperis kiel eldonaĵo de Literatura Mondo.

**Eli Urbanova**, ĉeĥino, estas aŭtorino de multaj originalaj poemoj. Ankaŭ kelke da urbopriskriboj estas de ŝi verkitaj modele.

**Eva Seemannova-Suchardova**, aktorino, fondis esperantistan aktorgrupon „la verda ĉaro de Julio Baghy", kiu prezentis mondkonatajn dramojn en Esperanto en ŝia propra traduko.

**Milda Jakubcova** el Brno verkas originalajn poemojn kaj tradukas esperantlingve.

Entute estas impona aro da Esperanto-verkistinoj, el kiuj oni nur povis mencii kelkajn, pri kiuj la movado povas esti fiera.

*Oskar Stolberg*

# *Venceremos!*

*En n-ro 61/62 (paĝo 14) de „der esperantist“ ni publikigis esperantan tradukon de la fama himno de Unidad Popular. La tradukon faris Harald Micheel el Erfurt. Sube ni publikigas duan version el la plumo de Ernst Wichert el Berlin. Tradukantoj de poemoj kaj kantoj do komparu kaj lernu el tio!*

1. „Certe venkos“
El la korpo de l'hejmo martira
De l'popolo ekĝemas la plor';
Trans montaron la suno orlumas,
Tut-ĉilio laŭtkantas en ĥor':

„Certe venkos! certe venkos
La popolo, — ĉenrompas pasi'—;
Certe venkos! certe venkos
De l'mizero liberaj ja ni!“

2. Per kuraĝ' de heroa soldato, —
Ne mortebla, falinta jam li, —
ni la morton sentime kontraŭas,
ne perfidos la hejmlandon ni.

„Certe venkos! . . .
. . . (Ripeto) . . .

3. Laboristo, kampulo, soldato, —
Por patrujo eĉ staras virin', —
La ministo kaj ankaŭ studento!
Nia hejmo firmfidas do nin.

„Certe venkos! . . .
. . . (Ripeto) . . .

4. Socialista leviĝas estonto,
Historia progresas marŝad',
Vi rikoltu la fruktojn ĉiliajn,
Kamarad', Kamarad', Kamarad'!

„Certe venkos! . . .
. . . (Ripeto) . . .

Tradukis Ernst Wichert

# Admono sur radio-ondoj

La elsendoj de Pola Radio dum la lastaj monatoj staris sub la impreso de la jartrideko pri la finiĝo de la dua mondmilito.

La 1-an de aprilo oni povis denove aŭdi la intervjuon kun Halina Nowak pri la Auschwitz-Oratorio, teatraĵo laŭ raporto de akuŝistino el la koncentrejo Auschwitz-Birkenau Stanisława Leszczyńsky — malliberulino n-ro 41355.

**Akuŝistino:** *Estis decembra nokto.*

*Kvazaŭ pli varma, pli hela pro la blanko de l'neĝo videbla tra la barakaj fendoj. Eĉ en la barakoj por malsanuloj tie kaj tie enestis puŝite inter la tabuloj verdaj piceaj brančetoj.*

*Tio ĉi estis la kristnaska donaco de malliberulinoj el Kommando 117, laborantaj ĉe fosado de tranĉeoj en la ĉirkaŭaj arbaroj. Ili riskis la vivon por alporti kun tiuj ĉi branĉetoj la odoron de l' libereco.*

*Sur la forno — ĉe kandelumo — akuŝis juna virino, kun misformita korpo simila al troe elkreskinta infano tamen kun la vizaĝo de maljunulino. Ŝi ne forlasis la fornon jam la trian tagon kaj nokton. Ŝi sufokis siajn ĝemojn kvazaŭ ŝi ne volus ĝeni la trankvilon de l' kanteta kristnaska pastoralo.*

*— pastoralo —*

*Kaj tiam — ie el fora rando de la barako — aŭdiĝis la krio: — Ne!*

*Ĝi transformiĝis je hurlado. Nek besta, nek homa. Terura. Hororiga. Kreskis, potenciĝis, skuegis — finiĝante per longa gorĝa hurletado.*

*Kaj denove la krio fendis la aeron kun duobla forto:*
*— Ne !!!*

*En la barakon enkuris SS-virinoj kun nigraj pelerinoj kaj kapuĉoj kurtenantaj iliajn vizaĝojn. Ili eltrenis eksteren la frenezan virinon. Ŝi ne defendis sin. Ĉirkaŭrigardis per larĝe malfermitaj vitrecaj okuloj kriante sian senfortan „ne“ supren al la ĉielo.*

*Ŝian krion rompis pafserio ĉe la muro de l'morto.*

(El Pilo-Press 12/75)

# Gravaj artikoloj el „der esperantist“

*Ĉi-sube ni publikigas la plej gravajn artikolojn aperintajn en „der esperantist“ numeroj 1 (1965)–67/68 (1974). Tuj videblas, ke ili ankoraŭ hodiaŭ estas grandparte plene aktualaj kaj uzeblaj.*

**Ĉiu serioza esperantisto de GDR, volante sin funde orientiĝi pri Esperanto, pri ties movadoj eksterlanda kaj enlanda, povas multon ĉerpi el tiuj artikoloj. Ili liveras abundan materialon por la politika-ideologia, la faka kaj organiza gvidado de la Esperanto-laboro en GDR. Ili estas neelĉerpebla fonto por ĉiuspecaj prelegoj, analizoj, gazetartikoloj, k. t. p. Ĉiu grupo havu bibliotekon kun se eble ĉiuj numeroj. Ĉiu unuopulo havu kolekton de nia revueto. Multajn numerojn ni ankoraŭ havas en la oficejo. Sed venis la tempo, ke ni devas decidi pri la restantaj numeroj. La spaco mankanta tion postulas de ni. Do ni ofertas al vi la malnovajn numerojn. De 1965–1970 ĉiu numero kostas 10 pfenigojn (duobla numero 20 pfenigojn), 1971–1974 ni prenas la konatajn prezojn.**

Do, uzu la **LASTAN NEREPETIĜONTAN** eblecon kompletigi vian kolekton.

(Resümee: Der Zentrale Arbeitskreis bietet alte Nummern von „der esperantist“ zum Verkauf an. Für die Jahrgänge 1965–1970 kostet jede Nummer 10 Pf, ab 1971 jeweils 30 Pf.)

**D** = in deutscher Sprache (germanlingve), **E** = in Esperanto (esperantlingve)

**1965:**

| | | |
|---|---|---|
| Nr. 1/2 | S. 5– 6 | „Richtlinien für die Tätigkeit der Esperantofreunde der DDR im Kulturbund der DDR“ **D** (Direktivoj por la aktiveco de la esperantoamikoj en Kulturligo de GDR) |
| | S. 9 | Weltkongreß Tokio **D** (Kongreso en Tokio) |
| | S. 11–26 | Skizze der Esperanto-Grammatik und Grundwortschatz Esperanto-Deutsch **D** (Skizo de Esperanto-gramatiko kaj baza vortaro Esperanto/Germana) |
| Nr. 3/4 | S. 11–26 | Skizze der Esperanto-Grammatik und Grundwortschatz Esperanto-Deutsch **D** (Skizo de Esperanto-Gramatiko kaj baza vortaro Esperanto-Germana) |
| Nr. 5/6 | S. 15–16 | Bedeutung und Grenzen des Esperanto (Blanke) **D** (Signifo kaj limoj de Esperanto) |
| | S. 17–31 | Skizze der Esperanto-Grammatik und Grundwortschatz Deutsch-Esperanto **E** (Skizo de Esperanto-gramatiko kaj baza vortaro Germana/Esperanto) |

**1966:**

| | | |
|---|---|---|
| Nr. 7/8 | S. 3– 8 | Weltkongreß 1966 in Ungarn **D** (UK-kongreso 1966 en Hungario) |
| | S. 9–19 | Neutralismus und Pseudoneutralismus in der Esperanto-Bewegung (Prof. Podkaminer) **D, E** (Neŭtralismo kaj pseŭdoneŭtralismo en Esperanto-Movado) |
| | S. 21–26 | Einführung in die Esperanto-Grammatik **D** (Enkonduko en la lingvon Esperanto) |

| | | |
|---|---|---|
| | S. 26 | Richtlinien für die Tätigkeit der Esperantisten **D, E** (Direktivoj por la agado de la esperantistoj) |
| Nr. 9/10 | S. 9–12 | Artikel über Weltfriedens-Esperanto-Bewegung **E** (Aleksiev) (Artikolo pri la Mondpaca Esperanto-Movado) |
| | S. 13–14, 25–26 | Rede des DDR-Botschafters auf dem Esperanto-Weltkongreß in Budapest 1966 **D, E** (Parolado de la ambasadoro de GDR dum la UK en Budapest 1966) |
| **1967:** | | |
| Nr. 11/12 | S. 3– 4 | 10 Jahre Vietnamesischer Esperanto-Verband **E** (Dek jaroj de Vjetnama Pacdefenda Esp.-Asocio) |
| | S. 23–24 | Zum Stil und zur Literatur des Esperanto (Blanke) **D** (Pri stilo kaj literaturo de Esperanto) |
| Nr. 13 | S. 16–17 | Das Professorenkollegium des Berliner Rundfunks über Esperanto **D** (La kolegio de profesoroj parolas en Radio Berlin pri Esperanto) |
| Nr. 14 | S. 13–15 | Esperanto und die UNESCO (Blanke) **D** (Esperanto kaj UNESCO) |
| Nr. 15 | S. 7–10 | Die internationale Sprachensituation und Möglichkeiten der Rationalisierung (Prof. Bokarev) **E** (La internacia lingvosituacio kaj eblecoj de raciigo) |
| | S. 10–13 | Humanismus und Parteilichkeit in der Kommentierung von Termini (Hahlbohm) **E** (Humanismo kaj partieco je la komento de terminoj) |
| **1968:** | | |
| Nr. 16/17 | S. 16–19 | Der Beitrag der Esperantisten für den Frieden (Prof. Podkaminer) **E** (La kontribuo de la esperantistoj por la paco) |
| Nr. 18/19 | S. 2–28 | Grundsätzliche linguistische Abhandlung von Prof. Falkenhan über Esperanto **D, E** (Principa lingvistika traktato de Prof. Falkenhahn pri Esperanto) |
| | S. 12–16 | Einführung in die Esperanto-Sprache **D** (Enkonduko en la lingvon Esperanto) |
| Nr. 20/21 | S. 12 | Aussprache des Esperanto **D** (Dr. Ruff) (Pri la elparolo de Esperanto) |
| Nr. 22/23 | S. 17 | Beschluß der Akademie des Esperanto ata/ita **E** (Decido de la akademio de Esperanto pri ata/ita) |
| | S. 18–19 | Aussprache des Esperanto (Dr. Ruff) **D** (Pri la elparolo de Esperanto) |
| | S. 20 | Neologismen (Dr. Krause) **D** (Neologismoj) |
| Nr. 24 | S. 6– 7 | Esperanto-Kongresse in Bulgarien **E** (Esperanto-kongresoj en Bulgario) |
| Nr. 25 | S. 4– 7 | Zur Geschichte der internationalen Arbeiter-Esperanto-Bewegung (Blanke) **E** (Pri la historio de la internacia laborista Esperanto-movado) |

| | | |
|---|---|---|
| Nr. 26/27 | S. 12–15 | Zur Geschichte des Deutschen Arbeiter-Esperanto-Bundes (Blanke) **E**<br>(Pri la Germana Laborista Esperanto-Asocio) |
| **1969:** | | |
| Nr. 28/29 | S. 6– 7 | Arbeiter-Esperanto-Bewegung **E**<br>(Laborista-Esperantista-Movado) |
| | S. 13–20 | Wörterverzeichnis Deutsch/Esperanto (A–L)<br>(Vortlisto Germana/Esperanto) |
| Nr. 30/31 | S. 1– 3 | Resolution zur politischen Arbeit der Esperantisten **D, E**<br>(Rezolucio rilate al la politika laboro de la esperantistoj) |
| | S. 7– 9 | Der Beitrag der Esperantisten zur Stärkung der DDR (Graetz) **E** (La kontribuo de la esperantistoj por la fortigo de GDR) |
| | S. 12–13 | Der Friedenskampf und die Esperantisten (Aleksiev) **E**<br>(La pacbatalo kaj la esperantistaro) |
| | S. 14–16 | Gruppenkorrespondenz (Schleusner) **D**<br>(Grupkorespondado) |
| | S. 18–26 | Wörterverzeichnis Deutsch/Esperanto (M–Z)<br>(Vortlisto Germana/Esperanto) |
| Nr. 32/33 | S. 24–25 | Der Beitrag der Esperantisten zur Stärkung der DDR (Graetz) **E** (La kontribuo de la esperantistoj por la fortigo de GDR) |
| | S. 28–32 | Grundfragen der Worttheorie des Esperanto (Blanke) **E** (Bazaj problemoj de la vortteorio de Esperanto) |
| Nr. 34/35 | S. 12–15 | Bericht über den Esperanto-Weltkongreß in Helsinki 1969 **D** (Raporto pri la UK-kongreso en Helsinki 1969) |
| | S. 18–19 | Der Weg unserer Esperanto-Flagge (Trummer) **E** (La vojo de nia Esperanto-flago) |
| | S. 20–23 | Für einen besseren Stil (Vildebrand) **E**<br>(Por plibonigi la stilon) |
| | S. 26–27 | In Vorbereitung eines Kurses (Pettyn) **E**<br>(Kiamaniere prepari la kurson) |
| Nr. 36/37 | S. 11 | In Vorbereitung eines Kurses (Pettyn) **E**<br>(Kiamaniere prepari la kurson) |
| **1970:** | | |
| Nr. 38/39 | S. 16, 25 | Unterricht einer Fremdsprache (Dr. Dahlenburg) **E** (Instruado de fremda lingvo) |
| | S. 38–39 | Wie mir Esperanto geholfen hat, ein begeisterter Freund der Sowjetunion und Marxist-Leninist zu werden (Raupach) **D**<br>(Kiamaniere Esperanto farigis min entuziasma amiko de Sovetunio kaj marksisto-leninisto) |
| Nr. 40/41 | S. 12, 21–22 | Für eine Verbesserung des Stiles (Vildebrand) **E** (Por plibonigo de la stilo) |
| Nr. 42 | S. 2– 8<br>S. 17–22 | Lenin und Esperanto (Prof. Podkaminer) **E**<br>(Lenin kaj Esperanto) |
| Nr. 43 | S. 2– 3 | 55. Esperanto-Weltkongreß (Wien 1.–8. 8. 1970) **E** (55. UK en Vieno) |

| Nr. | S. | Beitrag |
|---|---|---|
| | S. 4 | Schule — Ort der Revolution? (über den 26. Internationalen Jugendkongreß in Graz (1970) **D** (Lernejo — Loko de revolucio? pri la 26a TEJO-kongreso en Graz 1970) |
| | S. 5 | Polnischer Plattenkursus von A. Pettyn (Rez. Blanke) **E** (Pola disko-kurso de Esperanto de A. Pettyn) |
| | S. 6 | Fachgruppe Interlinguistik/Esperantologie **D** (Fakgrupo Interlingvistiko/Esperantologio) |
| | S. 17 | Informationen aus Vietnam **D, E** (Informoj el Vjetnamio) |
| | S. 18—19 | Der Arbeitsplan (Lehmann) **D** (Laborplano) |
| Nr. 44 | S. 1— 3 | Bericht über das 1. Zentrale Treffen der Esperantisten der DDR **E** (Raporto pri la unua Centra Renkontiĝo de la esperantistoj de GDR) |
| | S. 4— 6 | Plena Ilustrita Vortaro (Blanke) **E** |
| | S. 7 | Wie beginnt man eine Unterrichtsstunde? (Dr. Dahlenburg) **E** (Kiel komenci instruhoron?) |
| **1971:** | | |
| Nr. 45 | S. 6— 7 | Wie beginnt man eine Unterrichtsstunde? (Dr. Dahlenburg) **E** (Kiel komenci instruhoron?) |
| | S. 17—20 | Register der Nummern 1—44 (1965—1970) (Knöschke) (enhav registro de la numeroj 1—44) |
| Nr. 46 | S. 6— 8 | Auszüge aus dem Referat von R. Graetz über die bürgerlichen und proletarischen **Traditionen** der deutschen Arbeiterbewegung **E, D** (Eltiroj el la referato de R. Graetz pri la burĝaj kaj proletaj tradicioj de la germana laborista movado) |
| | S. 18 | Methodische Schritte (Dungert) **E** (Metodikaj paŝoj) |
| Nr. 47 | S. 2— 4 | Fortsetzung zu **Traditionen** (Graetz) **D** (Daŭrigo de la tradicioj) |
| | S. 4 | ata/ita (Dungert) **E** |
| | S. 5— 8 | Heines Gedichte in Esperanto (Blanke) **E** (Poemoj de Heine en Esperanto) |
| | S. 18—19 | Nekrolog zum Ableben von Prof. Bokarev (1904—1971) **E** (Memore al Prof. Bokarev) |
| Nr. 48 | S. 4 | Esperanto-Zeitschrift aus der Sowjetunion (Prof. Falkenhahn) **D** (Esperanto-gazeto el Sovetunio) |
| | S. 6— 7 | Über Esperanto-Slang (Prof. Szerdahelyi **E** (Pri Esperanto-slango) |
| Nr. 49 | S. 3— 5 | 56. Esperanto-Weltkongreß in London (Blanke) **D** (56. UK en Londono) |
| | S. 6— 7 | Der 27. Internationale Jugendkongreß der TEJO in Edinbourgh **D** (La 27a Internacia Junulara Kongreso de TEJO en Edinbourgh) |

| | | |
|---|---|---|
| Nr. 50 | S. 5 | Deutsch-Vietnamesische Freundschaft **D** (Germana-vjetnama amikeco) |
| | S. 6– 8 | Nivea (Schödl) **E** |
| | S. 9–10 | Zeltlager in Rabenstein (Burmeister) **E** (Tendaro en Rabenstein) |
| | S. 15–16 | Interview mit Kalocsay (Silfer) **E** (Parolas Kalocsay) |
| **1972:** | | |
| Nr. 51 | S. 1– 3 | Begegnungen in der Mongolei (Graetz) **E, D** (Renkontiĝoj en Mongolio) |
| | S. 7 | Ich bin für Esperanto (Von Nguyen Van Kinh, ehem. Botschafter der DRV in der UdSSR) **D** (Mi estas por Esperanto) |
| | S. 18–19 | Mitteilung der Esperanto-Akademie über „si" **E** (Komuniko de la Esperanto-Akademio pri „si") |
| Nr. 52 | S. 20–22 | Argumente für und gegen Esperanto (Schödl) **E** (Argumentoj por kaj kontraŭ Esperanto) |
| Nr. 53 | S. 5– 7 | Reichtum des Esperanto im Vergleich mit Nationalsprachen I (Vaitilaviĉius) **E** (Riĉeco de Esperanto kompare kun naciaj lingvoj) |
| Nr. 54 | S. 1– 2, S. 22 | Esperantofreunde gestern, heute, morgen (Blanke) **D** (Esperantoamikoj hieraŭ, hodiaŭ, morgaŭ) |
| | S. 3– 7, S. 20 | 2. Zentrale Konferenz der Esperantisten der DDR **D** (2a Centra Konferenco de la Esperantistoj de GDR) |
| | S. 8–10 | Leitsätze für die Arbeit der Esperantisten der DDR im Kulturbund der DDR **D** (Direktivoj por la laboro de la esperantistoj de GDR en Kulturligo de GDR) |
| | S. 10–11 | Esperantofahrt in die Heldenstadt Leningrad **D** (Esperantovojaĝo en la urbon de herooj Leningrad) |
| | S. 13–15 | Die Charakteristika des Esperanto (Blanke) **D** (Karakterizoj de Esperanto) |
| | S. 16–18 | Reichtum des Esperanto im Vergleich mit Nationalsprachen II (Vaitilaviĉius) **E** (Riĉeco de Esperanto kompare kun naciaj lingvoj) |
| | S. 19–20 | Der 38. Bulgarische Esperanto-Kongreß (Blanke) **D** (La 38a bulgara esperanto-kongreso) |
| Nr. 55/56 | S. 4–12 | Hauptreferat auf der 2. Zentralen Konferenz der Esperantisten im Kulturbund der DDR (Graetz) **D** (Ĉefreferaĵo okaze de la 2a Centra Konferenco de la esperantistoj en Kulturligo de GDR) |
| | S. 16–18 | 3. Internationales Jugendlager (Burmeister) **E** (3a Internacia Junulara Tendaro) |
| | S. 21–24 | Reichtum des Esperanto im Vergleich mit Nationalsprachen III (Vaitilaviĉius **E** (Riĉeco de Esperanto kompare kun naciaj lingvoj) |
| | S. 28–29 | Mitglieder des Zentralen Arbeitskreises Esperanto **D** (Membroj de Centra Laborrondo Esperanto) |

**1973:**

| Nr. | S. | Beitrag |
|---|---|---|
| Nr. 57/58 | S. 5– 6 | Leitsätze für die Arbeit der Esperantisten im Kulturbund der DDR **E** (Gvidprincipoj por la laboro de la esperantistoj en Kulturligo de GDR) |
| | S. 7– 9 | Esperanto — Utopie oder mehr? (Blanke) **D** (Esperanto — utopio aŭ multe pli?) |
| | S. 10–11 | Zur Geschichte einer Übersetzung (Nackt unter Wölfen) (Graetz) **E** (Pri historio de unu traduko) (Nuda inter lupoj) |
| | S. 13–16 | Reichtum des Esperanto im Vergleich mit Nationalsprachen IV (Vaitilaviĉius) **E** (Riĉeco de Esperanto kompare kun naciaj lingvoj) |
| | S. 19–20 | Esperanto als Kunst- und Plansprache **D** (Esperanto kiel artefarita kaj planita lingvo) |
| | S. 30–31 | Über Interlinguistik in der DDR **D, E** (Pri Interlingvistiko en GDR) |
| Nr. 59/60 | S. 2– 4 | Jugendarbeit (bei X. Weltfestspielen 1973) **E** (Pri junulara laboro) (Xa Monda Festivalo 1973) |
| | S. 5– 6 | 58. Esperanto-Weltkongreß (Blanke) **E** (58a UK) |
| | S. 6– 7 | 29. TEJO-Kongreß **E** (29a TEJO-kongreso) |
| | S. 7– 9 | VI. Generalkonferenz der MEM **E** (VIa Ĝenerala Konferenco de MEM) |
| | S. 10–28 | Zur Frage einer Welthilfssprache. Ein Vergleich der Lerneinheiten im Deutschen und im Esperanto (Prof. Falkenhahn) **D** (Pri la problemo de mondhelplingvo. Komparo de lernunuoj en Germana kaj en Esperanto) |
| | S. 29–30 | Deutsch-Esperanto Wörterbuch, Rezension (Blanke) **E** Germana/Esperanta Vortaro, recenzo) |
| | S. 31–32 | Adoleska festo? (Jugendweihe?) (Hahlbohm) **D** |
| | S. 34–35 | Über Fragen der Gruppenarbeit I (Blanke) **E** (Pri demandoj de la gruplaboro) |
| | S. 45–46 | Konferenz in Moskau zur internationalen sprachlichen Kommunikation **E** (Konferenco en Moskvo pri la internacia lingva komunikado) |
| Nr. 61/62 | S. 4– 6 | Vielseitige Verbindungen zu Bruderländern (Blanke) **D** (Multflankaj interrilatoj al frataj landoj) |
| | S. 8– 9 | Unser Freund Ludwig Schödl (Charkowski) **D** (Nia amiko Ludwig Schödl) |
| | S. 10–13 | Esperanto-Bewegung, IfA, Kulturbund der DDR (Schödl) **E** (Esperanto-movado, IfA, Kulturligo de GDR) |
| | S. 15–17 | Übersetzt ohne Germanismen (Hamann) **E** (Traduku sen germanismoj!) |
| | S. 18–20 | Über Fragen der Gruppenarbeit II (Blanke) **E** (Pri demandoj de la gruplaboro) |
| | S. 25–27 | Asen Grigorov — 70 Jahre (Gorov) **E** (Asen Grigorov — 70 jara) |

| | | |
|---|---|---|
| | S. 31–32 | Esperanto — Kulturfaktor in Ungarn **E** (Esperanto — kulturfaktoro en Hungario) |
| | S. 35–36 | Polnische Veröffentlichungen in Esperanto **E** (Polaj eldonaĵoj en Esperanto) |
| **1974:** | | |
| Nr 63/64 (1/2) | 4– 6 | Esperanto im Dienst der internationalen Freundschaft und des Weltfriedens (Nguyen Van Kinh) **E** (Esperanto en la servo de internacia amikeco kaj mondpaco) |
| | S. 7– 8 | Gemeinsame Erklärung Weltfriedensrat — MEM **D, E** (Komuna deklaro Tutmonda Packonsilantaro — MEM) |
| | S. 8–10 | Mit Graphik und Gewehr (Z. Vali) **E** (Per grafiko kaj pafilo) |
| | S. 13–14 | Über Fragen der Gruppenarbeit III (Blanke) **E** (Pri demandoj de la gruplaboro) |
| | S. 17–19 | Methodikfragen (Pettyn) **E** (Demandoj de metodiko) |
| | S. 21–22 | In sprachwissenschaftlichen Zeitschriften der DDR **E, D** (En lingvistikaj revuoj de GDR) |
| | S. 23–24 | Aus einer Rezension zum Plena Ilusrita Vortaro (Michalski) **E** (El recenzo pri Plena Ilustrita Vortaro) |
| | S. 25–26 | Unser fachlicher Beitrag (Blanke) **E** (Nia faka kontribuo) |
| | S. 29 | Mitteilungen der Akademie des Esperanto (ekde, -io) **E** (Komunikoj de la Akademio de Esperanto) |
| Nr. 65/66 (3/4) | 2– 6 | Zentrales Treffen der Esperantisten der DDR 1974 **E** (Centra renkontiĝo de la esperantistoj de GDR) |
| | S. 7–11 | Hauptreferat auf dem Zentralen Treffen der Esperantisten der DDR 1974 (Graetz) **E** (Ĉefreferaĵo okaze de la Centra Renkontiĝo de la esperantistoj de GDR 1974) |
| | S. 14 | Tätigkeit der Esperantisten der DDR 1973 **E** (Agado de esperantistoj de GDR 1973) |
| | S. 15–16 | Wie weiter mit der Jugend? **D** (Pri la plua laboro kun la junularo) |
| | S. 16–18 | Über Fragen der Gruppenarbeit IV (Blanke) **E** (Pri demandoj de la gruplaboro) |
| | S. 16–23 | Ludwig Renn — 85 Jahre (Blanke) und Renn-Gedichte in Esperanto **E** (Ludwig Renn — 85 jara) (kaj Renn-versaĵoj en Esperanto) |
| | S. 24–27 | 64 Sprachen ... und noch eine (Bokarev, Armand, Berg) **D** (64 lingvoj ... kaj ankoraŭ unu) |
| | S. 28–29 | Esperanto — die sprachliche Schöpfung Zamenhofs (Prof. Bokarev), **E** (Esperanto — la lingva kreaĵo de Zamenhof) |
| | S. 30–32 | Aus der Arbeit des Polnischen Esperanto-Verbandes (Graetz) **D** (El la laboro de la Pola Esperanto-Asocio) |

## „Nuda inter lupoj“ eĉ en Tahitio!

*En Papeete la 2an de marto 1975*

*El la letero de Marcel kaj Robert Deschamps el Tahitio al s-ro Vitek, prezidanto de Ĉeĥa Esperanto-Asocio:*

Karaj geamikoj, kial kvankam ricevinte plurajn de vi kaj viaj familianoj, mi ne respondis pli frue? La kulpo estas viaja certe! Per la libroj vi tuŝas mian plej senteman punkton. Ek de mi ricevas esperantan libron, mi tuj ĉion forgesas kaj nur legas... Ĉimatene mi ĵus finis „Nuda inter lupoj“. Ni ambaŭ tutkore dankas vin por tiu libro. Ĝi estas tiom pli bonreniĝita, ĉar ni deziris, sed ne povis mendi. Pro la poŝtaj strikoj, ni nur en januaro ricevis plurajn numerojn de „Esperanto“ kaj samtempe eksciis pri la eldono kaj la elĉerpiĝo. Tion ni multe bedaŭris, sed ni havas feliĉe bonegajn amikojn, kaj ni estas tre dankemaj. Kompreneble tiu libro memorigas malbonajn eventojn sed, kiel vi mem diris, ĝi havas tiel homajn ecojn, ke ĝi estas leginda kaj ĉefe, laŭ mia opinio, de la juna generacio. Tion neniu plu devus travivi ...

---

(resto de paĝo 17)


| | | |
|---|---|---|
| | S. 39—40 | Über ein sprachwissenschaftliches Kolloqium in Moskau (Korotkjeviĉ) **E** (Pri lingvoscienca kolokvo en Moskvo) |
| Nr. 67/68 (5/6) | 1— 2 | Beschluß der Akademie der Wissenschaften der UdSSR zur Erforschung des Esperanto **E, D** (Decido de la Akademio de Sciencoj de USSR por esplori Esperanton) |
| | S. 4— 6 | 59. Weltkongreß in Hamburg **E** (59a UK en Hamburg) |
| | S. 8—10 | Freundschaftsvertrag Leningrad — Dresden **E, D** (Amikec-kontrakto Leningrad — Dresden) |
| | S. 10—12 | Die internationalen Brigaden und die Esperantisten (Haiderer) **E** (La Internaciaj Brigadoj kaj la esperantistoj) |
| | S. 13—16 | Zu einigen grammatischen Fragen (Dr. Schulze) **E** (Pri kelkaj gramatikaĵoj) |
| | S. 17—18 | Über Fragen der Gruppenarbeit V (Blanke) **E** (Pri demandoj de la gruplaboro) |
| | S. 20 | Bemerkungen zum Sprachgebrauch in "Paco" (Gilbert) **E** (Rimarkoj pri lingvo-uzo en „Paco“) |
| | S. 36—38 | E. A. Bokarev: Esperanto-Russisches Wörterbuch, Rezension (Dr. Krause) **E** (E. A. Bokarev: Esperanto-Rusa vortaro, Recenco) |
| | S. 39—40 | Komputer-Wörterbuch, Rezension (Dr. Schüler) **D** Komputero-Vortaro) |


Außerdem erschienen in den Nummern 36/37 (Nov.—Dez. 1969) bis Nr. 53 (Mai—Juli 1972) Curt Kessler: Deutsche Redensarten und Redewendungen in Esperanto (16 Folgen) und von 36/37—52 W. v. Waldowski: Ergänzungswörterbuch Esperanto-Deutsch (13 Folgen).

Krome aperis en la numeroj 36/37 (nov.—dec. 1969) ĝis numero 53 (majo-julio 1972) Curt Kessler: Germanaj parolturnoj en Esperanto (16 sekvoj) kaj de 36/37—52 W. v. Waldowski: Suplementa Vortaro Esperanto-Germana (13 sekvoj).

# *Esperanto kiel lingvo de teatro*

**Unua periodo (1896–1957)**

Estas preskaŭ certe, ke la unua teatra prezentado en la Internacia Lingvo okazis la 27an de septembro 1896 en la urbo Smolensk (Ruslando). Tiun vesperon junaj amatoraj geaktoroj ludis la komedion *Unua Brandfaristo* de L. Tolstoi, tradukitan de V. Burenkov. Verŝajne ankaŭ en aliaj lokoj amatoraj grupetoj ludis diversajn teatraĵojn por kuraĝigi la lernadon kaj por vivigi la parolan lingvon. Cetere, ankaŭ nuntempe en unuopaj lokaj Esperanto-societoj funkcias amatoraj grupoj, kelkfoje sub gvido de profesiaj aktoroj aŭ reĝisoroj, kiuj prezentas teatraĵojn en la koncernaj lokoj.

Prezentado de teatraj verkoj sur pli alta nivelo komenciĝis nur en 1905, kiam dum la Unua Universala Kongreso de Esperanto en Boulogne-sur-Mer 7 diversnaciaj amatoroj ludis la komedion de Molière „La *Edziĝo Kontraŭvola.* La alia teatraĵo prezentita tiuokaze en Bulonjo estis la komedieto de E. Labiche, *Mensogo pro Amo,* (originala titolo, *Le Misanthrope et l'Auvergnat).*

Dum multaj jaroj – fakte, kun kelkaj esceptoj, ĝis la hodiaŭa tago – preskaŭ la sola ebleco prezenti internacilingve dramojn kaj aliajn verkojn en teatroj estis kaj restis la grandaj internaciaj renkontiĝoj, unuavice la universalaj kongresoj de Esperanto. Pro diversaj kaŭzoj, ĉefe pro neekzisto de konstantaj trupoj, ankaŭ tiajn okazojn ne estis eble ĉiam utiligi. Nur la fondo de Internacia Arta Teatro en 1957 (sub la aŭspicio de UEA), kiun sekvis la Bulgara Esperanto-Teatro en 1958 kaj aliaj profesiaj grupoj, ebligis konstantecon kaj donis freŝan impeton al krea teatra laboro.

Inter 1905 kaj 1957 en diversaj lokoj estis prezentitaj sufiĉe multaj konataj kaj malpli konataj dramoj kaj komedioj al internacia publiko. Ne malofte ludis profesiaj geaktoroj aŭ, pli kutime, profesiuloj kaj amatoroj miksite.

La ĉefaj prezentoj en tiu periodo estis *La Floro de l'Pasinto* de E. de Amicis, kaj *Agrabla Surprizo* de W. Frerking, ambaŭ en 1906 en Ĝenevo; *Boks kaj Koks* de M. Morton kaj *Bardell kontraŭ Pickwick* de Charles Dickens, ambaŭ en Cambridge en 1907; *Ifigenio en Taŭrido* de Goethe en 1908 en Dresdeno; *Mistero de Doloro* de Gual en 1909 en Barcelono; *Kiel Plaĉas al Vi* de W. Shakespeare en 1910 en Vaŝingtono; *Kaatje* de P. Spaak en 1911 en Antverpeno; *Mazepa* de Slowacki, *La Urso* de A. P. Ĉeĥov kaj la oper *Halka* de S. Moniuszko, ĉiuj en 1912 en Krakovo; *Gineva* originale verkita de E. Privat, en 1913 en Bern; *Natan la Saĝulo* de G. E. Lessing en 1923 en Nürnberg; *Hamleto* de Shakespeare en 1928 en Antverpeno; *D-ro Knock* de Jules Romains, kaj la opereto *La Blanka Ĉevaleto* de R. Benatzky en 1936 en Vieno; *Angla Lingvo sen Profesoro* de Tristan Bernard en 1950 en Parizo; *La Revizoro* de N. Gogol en 1955 en Bolonjo; *Georgo Dandin* de Molière en 1957 en Marseille.

---

**Ni kondolencas:**

Forpasis k-do Georg Wimmer, kasisto de la esperanto-grupo el Weißenfels, sincera batalinto kontraŭ la faŝismo kaj aktiva laborista esperantisto.

Necesas aldoni, ke en la jaroj antaŭ la Dua Mondmilito radio Brno (Ĉeĥoslovakio) prezentis tutan aron da verkoj adaptitaj por teatraradia prezentado. La membroj de tiu grupo — Teatro — kaj Radio-Aktoroj (TRAKT) — konsistis nur el profesiaj artistoj, kantistoj, verkistoj, aktoroj de la Landa Teatro. La prezentoj, kiel entute la Esperantaj elsendoj de radio Brno, estis sur tre alta nivelo. La dismembrigo de Ĉeĥoslovakio kaj la posta invado de tiu lando fare de nazia Germanio ĉesigis ankaŭ tiun gravan atingon en la sfero de perradia teatro.

**Dua Periodo (ekde 1957)**

Tiun ĉi periodon markas la fondo de du gravaj teatraj trupoj, konsistantaj unuavice el profesiaj geaktoroj: Internacia Arta Teatro (IAT) kaj Bulgara Esperanta Teatro (BET).

*Internacia Arta Teatro* estis fondita en 1957. La unua prezento de IAT okazis en Mainz (1958), kiam ĝi ludis la konatan dramon *Reaperantoj* (Fantomoj) de H. Ibsen. *Friponaĵoj de Skapeno* de Molière estis prezentita en Varsovio en 1959. En la sama jaro la ĵus fondita Bulgara Esperanta Teatro (BET) prezentis en Varsovio la komedion *Ĉasantoj de Oficoj* de la bulgara klasikulo Ivan Vazov, dum trupo el Prago ludis samloke *Pigmaliono* de B. Shaw. Tio estis vera evento: en la sama loko tri trupoj prezentis unurangajn teatrajn verkojn en la Internacia Lingvo.

El aliaj realigoj de IAT aparte menciindaj estas *La Homa Voĉo* de J. Cocteau kaj *La Respektema P ...* de J. P. Sartre en 1961, unue en Gent (Belgio) kaj poste en Harrogate (Anglio); *Advokato Patleno* de nekonata aŭtoro same en Harrogate en 1961; *Onklo Maroje,* la klasika kroata komedio de Marin Držič, kaj la originala *Maneken-Parado* de M. Boulton, ambaŭ en Kopenhago en 1962; *Pri la Malutilo de la Tabako* de A. P. Ĉeĥov, *Hanibalo* de la jugoslavia verkisto V. Kljakoviĉ kaj plia prezento de *Sen Eliro,* ĉiuj en Sofio en 1963; *La Amo de Don Perlimplino* de F. Garcia-Lorca, *La Leciono* de E. Ionesco, *La Morto de Lia Ekscelenco* de M. Matkoviĉ, ĉiuj en Hago en 1964; *La Unua Paŝo* de la hungara verkisto E. Molnár, kaj *La Holanda Pupo,* originale verkita de J. Baghy, ambaŭ en Budapeŝto en 1966; *Bela Indiferentulo* de J. Cocteau, *Analfabeto* de la serba verkisto B. Nuŝiĉ, *Taso da Kafo,* monologo de la slovena verkisto Ivan Cankar, *Homo kun la Floro Enbuŝe* de L. Pirandello kaj *Maskerado* de la kroata verkisto M. Krleža, ĉiuj en 1968 en Madrid; kaj pluraj aliaj.

Bedaŭrinde, post 1969 IAT ne aperis sur teatra podio antaŭ internacia publiko, sed espereble ĝi renovigos sian utilan kaj fruktodonan laboron. En IAT ludis tre multaj geaktoroj. Ĉiuj el ili havas siajn meritojn por evoluigo de la trupo, sed verŝajne, aldone al S. Flego, ĝia fondinto kaj multjara reĝisoro, plej elstaras la nomoj de M. Šerment, Eta Bertolazzi, Mira Župan, Jana Ravŝelj, Liljana Genez, D. Milvojevič, I. Rogulja, Silva Fulgosi, Zdenka Herŝak, M. Ergovič, Božena Dermit, Marija Dragoviĉ kaj Jure Lipovac.

*Bulgara Esperanta Teatro (BET)* Estis fondita en 1958. La kerno de BET estis malgranda rondo de artistoj, parolantaj la Internacian lingvon, en la antaŭa teatro „Trudov Front“ en Sofio. Inter ili troviĝas Anani Anev, Belka Beleva, Gerasim Mladenov, Kostadinka Nedeva,

Georgij Kerelezov. La ĝrupon daŭre subtenis reĝisorino Stefka Prohaskova, dum la tradukanto kaj lingva gvidanto estas Kiril Dražev.

La unua spektaklo, konsistanta el tri unuaktaj komedioj, poemoj kaj monologoj, okazis la 19an de majo 1958. La sama programo estis prezentita en la sama jaro dum la landa kongreso de Bulgara Esperanto-Asocio en Varna. La komedion *Ĉasantoj de Oficoj* de Ivan Vazov la trupo ludis en 1959, kiel jam menciite, unue en Varsovio kaj poste en Split (Jugoslavio). Sekvis la prezentoj de *Komedio de Eraroj* de Shekespeare unue en Veliko Tarnovo (Bulgario) kaj poste ankaŭ en Sofio dum la Univerversala Kongreso (1963). En 1964 Belka Beleva kaj Ańani Anev atingis grandan sukceson en Hago per sia prezento de *Propono* de A. P. Ĉeĥov. BET denove ludis antaŭ internacia publiko dum la Universala Kongreso en Budapeŝto (1966), kie ĝi prezentis la dramigitan *Tago de Mortintoj* laŭ Elin Pelin kaj la komedion *La Urso* de A. P. Ĉeĥov, *La Du Ŝtelistoj* de B. Nusić kaj *Familiaj Problemoj* de Maj Talvest.

Komence de 1968 BET renovigis sian konsiston. Unu el ĝiaj lastaj atingoj estas la komedio *Akridoj* de S. L. Kostov, kiun ĝi prezentis dum la Kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio kaj la Kongreso de Bulgara Esperanto-Asocio en Varna. En 1970 BET prezentis en Vieno la komedion *La Virina Regno* de S. L. Kostov. En 1971 tiu eminenta teatra trupo, nun konsistanta ĉefe el profesiaj geaktoroj de la Ŝtata Teatro en Sofio, rikoltis entuziasman akcepton per sia prezento de la kvinakta komedio *Mandragoro* de N. Machiavelli. BET plu aktivas kaj oni atendas de ĝi pliajn spektaklojn sur la plej alta arta nivelo.

En aliaj grupoj aparte menciinda estas la Silezia Teatro, kiu en 1968 partoprenis en la Festivalo de Esperanto-Teatroj en Pula (Jugoslavio). Ĝi tie prezentis la unuan fojon *Manon Lescaut*, teatraĵon en ses bildoj laŭ la romano de Abbé Prévost. En 1964 profesiaj polaj aktoroj prezentis en Łodz, Pollando, la dramon *Kataki* de la Usona verkisto Shimon Wincelberg. Kun granda sukceso ili ludis la saman dramon ankaŭ en Tokio en 1965 kaj en Budapeŝto en 1966.

*(Centro de Esploro kaj Dokumentado pri la Monda Lingvo-Problemo, London-Rotterdam, G/IV/1 + 2 (e), 1974)*

**Rim. de la redakcio:**

*Oni ne rajtas ne mencii la polan Esperanto-teatron je la nomo de A. Grabowski, kiu konsistas el la profesiaj artistoj Kalina Pieńkiewicz kaj Zbygniew Dobrzyński.*

*Ili ĝis nun montris dum diversaj internaciaj Esperanto-aranĝoj (i. a. dum UK 1974 en Hamburg) kaj sur internaciaj turneoj la psikologian-analizan dupersonan komedion „Proksima nekonato“ de Al. Scibor-Rylski en la taduko de J. Grum. Laŭ prezento kaj prononco tiu malgranda trupo apartenas sendube al la plej kvalitaj Esperanto-teatroj.*

*Krome menciidas Andrzej Tomecki, pola artisto, kun sia revuo „Kaj tamen estas Varsovio“.*

# El Sovetunio

## Grava Konferenco de Sovetaj Esperantistoj

La 21. III. 75. La Esperanta Komisiono de SSOD aranĝis Esp. Konferencon en la Domo de Amikeco, dum kiu la Prezidanto de la Komisiono, d-ro de filologio M. I. Isajev, faris sumigan raporton pri la sukcesoj kaj mankoj de la 6jara agado. Sur la postenon de la Esp. Komisiona sekretario estis konfirmita k-do Bereza, Anatolo. Ĉeestis pli ol 50 pers.

Ĉeestinte la konferencon la estrino de la Kulturfako de SSOD, k-ino G. A. Kolebova laŭdis la laboron de la Esp. Komisiono kaj enmanĝis al la 12 plej aktivaj gesamideanoj aprobajn atestojn de SSOD. En la fino de la konferenco estis akceptita rezolucio kun la strukturo de plua laboro de Esp. Komisiono.

## La tago de Internacia Teatro

La 23. III. 75. En MIEK okazis vespero, dediĉita al la tago de la Internacia Teatro, pri kio interesan prelegon faris la emerita artisto F. F. Staneŝnikov. Post tiu prelego la artistoj el la Centra Domo de Aktoro montris al la ĉeestantoj du fragmentojn el la teatraĵo de la fratoj Tur „Ekstrema Ambasadoro", kiu estis varme akceptita de la spektantoj. Poste oni aŭdis kelkajn muzikaĵojn kaj kantojn en la plenumo de gesamideanoj V. Osipova, G. Staneŝnikova, T. Vorobjeva kaj aliaj. Ĉiuj programeroj estis multe aplaŭdataj de la ĉeestintoj.

## Pri Esp. lernolibroj

30. III. 75.. en MIEK okazis metodika seminario je temo: „novaj lernolibroj kaj helplibroj de Esp.-o por rusoj". Erudician raporton je tiu temo, kun historia aspekto de l'problemo — faris la lingvisto S. N. Kuznecov. Komencinte de la unua lernolibro de d-ro Zamenhof, kaj menciinte la popularan lernolibron de Cart kaj Panier (kies 1a ekz. estas en persona biblioteko de V. I. Lenin), k-do Kuznecov detale priparolis la plej disvastigitajn en la 20 kaj 30aj jaroj Esp-ajn lernolibrojn de Svistunov kaj de Rublev. Specialan atenton meritis la nuntempaj Esp. lernolibroj de A. A. Kerner kaj de B. G. Kolker. La problemo pri li efektiva metodo de Esp.-instruado elvokis viglan diskuton.

Poste estis anoncite, ke la XVIa Baltlanda Esperanto-Tendaro (BET) okazos nunjare de la 25. 7. ĝis 3. 8. 75 en la loko Helme (Estonio) apud la urboj Valga kaj Tirva. Dum la tendaro oni intencas pridiskuti la problemojn: „Esp-o kaj naturo; Esp-o kaj pedagogio; Pacdefendo; Internacia: malstreĉiĝo kaj sendanĝereco". Organipanto: Tallina Esperanta Klubo.

*Kompilis Teodoro Kulagin*

*Atanas Dr. Atanasov*

# *Komenci – komenciĝi*

En iuj naciaj lingvoj (ekzemple la franca, bulgara) la verbo, respondanta al la esperanta *komenci,* estas uzata samtempe kiel transira (*komenci*) kaj netransira (*komenciĝi*). Kelkiuj esperantistoj el tiuj nacioj, sub la influo de sia nacia lingvo, erare uzas la esperantan verbon komenci ankaŭ en netransira senco. Ili diras ekzemple: *La vintro komencas. La kurso komencis kun 45 kursanoj.*

Tia uzo ne estas korekta.

En Esperanto komenci estas transira verbo; post ĝi ni atendas aŭ infinitivon, aŭ akuzativon:

*Mi komencas labori. Mi komencas la laboron.*

El tio sekvas, ke: *La laboro komenciĝas* (ĝi ne komencas!).

*Ni komencu nian lecionon. – La leciono komenciĝas je la 8a horo.*

Iufoje la rekta komplemento povas esti ellasata (en elipsaj frazoj):

Antaŭ ni staras tasko falĉi herbejon. *Ni komencos falĉi – la falĉadon) de la orienta rando de la kampo. – La falĉado komenciĝos de la orienta rando de la kampo.*

*Ni sidiĝas por manĝi.. Ni komencas (manĝi – la manĝadon) per buljono. – La manĝado komenciĝas per buljono.*

Regule do: *la transiran formon komenci oni uzas nur kiam post ĝi povas sekvi infinitivo aŭ akuzativo; en la aliaj okazoj devas esti uzata komenciĝi:*

*La kurso komencos funkcii la 3an de marto. La kurso komenciĝos la 3an de marto.*

*La vintro komencas fariĝi ĉiam pli malvarma. La vintro komenciĝas la 22an de decembro.*

Komenco estas nomo de la ago de tiu, kiu komencas. Tamen ĝi signifas ankaŭ la staton de tio, kio estas komencata. Tie ĉi efikas la principo de sufiĉo kaj ne estas nepre necese diri komenciĝo (ĉar la momento, kiam komenciĝas io, estas samtempe la momento, en kiu la aganto komencas tiun ĉi saman agon).

Do: komenco de laborado, de leciono, de teatra prezentado, de la tago, de la vintro, de la jaro k. t. p. (Se tamen oni uzus en tiuj okazoj komenciĝo, tio estus ne eraro, sed nenecesa precizemo.)

Tio, kion ni diris pri komenci – komenciĝi, validas ankaŭ pri la verbo fini – finiĝi.

ADA

(El „Nuntempa Bulgario")

# KORESPONDDEZIROJ

## Pollando

Lernantino, 17jara, dez. kor. pri matematiko, filmarto, turismo, Ewá Jakób, 48-100 **Kotobrzeg,** str. Ostrowskiego 21/9.
Esp. komencanto Georgo Kornet, 05-200 **Wolomin,** Str. 15 Grudniad 2 herb. (kuracisto) dez. kor. tutmonde.

Mezaĝa esperantisto dez. kor. tutmonde pri ĉ. t., kol. pm, bk, gramofondiskojn ktp., **Józef Kosiński,** Długopole Dolne 5, 57-520 **Długepele Zdrój,** pow. Bystrzyca Kl.

Membroj de Studenta Klubo Esperanto dez. kunlabori k. studenta rondo en GDR. Bv. skribi al: Stanisław Mach, str. Grunwaldzka 88, DS AM 3, 60-307 **Poznań 8.**

Studentino, 23 jara, dez. kor. tutmonde pri moderna muziko, turismo, vivo de studentoj, Maria Neglavz, 34-450 **Kvoscienko,** str. Kozłleczyzna 1.

Henryk Rogoziński, ul. Ustronie 24, 88-160 **Janikowo,** (20 j.), dez. kor. k. esperantistinoj pri filmo, sporto, muziko. Kol. pm, bk.

Laboristo, 21jara, dez. kor. pri ĉ. t., Paweł Sokolowski, ul. Kalinowskiego 2/2 m. 14, 15-875 **Białystok.**

Gefratoj: Teresa Szumowska (21 jara studentino), Tadeo Szumowski (20 jara lernanto), 58-420 **Lubawka,** ul. Długosza 1, dez. kor. tutmonde pri sporto, turismo, filmo, faŭno, floro kaj vivstilo de gejunuloj, **Kol. bk.**

Lernantino, 16 jara, dez. kor. tutmonde pri literaturo, geografio, kemio, kino, turismo. Kol. bk. Grazyna Szymańska, **Wrocław 50-420,** ul. Traugutta 102 m. 12.
Ernest Tews, Oś. Wlókniarzy 5 m. 18, 58-260 **Bielawa,** dez. kor. tutmonde pri literaturo, sporto, turismo, kino kaj teatro. Kol. pm, bk, diapozitivojn, gramofondiskojn ktp.

Junulino, 16 jara, dez. kor. k. junulino el GDR pri turismo, modo, pinglolaboro, Maria Adamiec, ul. Króla łokietka 7, 35-015 **Rzeszów.**

Lernantino, 19 jara, dez. kor. pri literaturo, opero Joanna Białoń, 43-384 **Jasienica 174,** pow. Bielski.

Jadwiga Ckarczyńska, 49-330 **Łosiów,** str. Stawowa 5, (23 jara) dez. kor. tutmonde pri literaturo, muziko, kino, teatro. Kol. bk, pm, gramofondiskojn.

Studentino, 20 jara, dez. kor. pri literaturo, turismo, kino, teatro, Ewa Darbandzka, **Wrocław,** ul. Plac Grunwaldzki 26.

Oficistino, 23 jara, dez. kor. tutmonde pri vivo kaj homoj en diversaj landoj, Geraldina Gałecka, 53-230 **Wroclaw,** ul. Inzynierska 70/46.

Lernantino, 15 jara, dez. kor. pri matematiko, muziko, kol. bk. pm, Bozena Głuch, Łaki, **Pl-08-404 Gorzno,** pow. Garvolino.

Komencanto dez. kor. k. esp. el GDR, Marian Grzeszcyk, **Chetm Slaski 43-146,** str. Stawowa 28, Pow. Tychy Woj. Katowice.

Zenon Przewozny, ul. 22 lipca 3/2, 800 **Chodziez,** dez. kor. kun 19—20 jara fraulino, interesiĝas pri flagetoj.

Studenta Esp.-klubo ĉe Agrikultura Akademio en Wroclaw dez. kunlabori k. sim. kluboj de agrikultura aŭ veterinara fakultatoj: SEK, A. A. 50-375 **Wroclaw,** str. Norwida 25.

Bibliotekistino, 23 jara, dez. kor. kun gejunuloj pri literaturo kaj turismo, Anna Sztaba, 28-213 **Jurkowice,** pow. Staszów.

Junulino, 18 jara, dez. kor. pri muziko kaj arto, Jolanta Pekacz, 35-040 **Rzeszow,** Dabrowskiego 81/2.

Junulino 19 jara, dez. kor. kun germ. geamikoj pri literaturo, muziko, lingvo, turismo, kol. bk, gazetojn, gramofondiskojn: Grazyna Pukacka, pow. Wolsztyn, **64-212 Siedlec 207.**
Lernanto 18 jara dez. kor. kun germanaj gejunuloj pri sporto, moderna arto, junulara muziko: Adamo Przytula, **Krakovo 31-947,** ós. Teatralne 29/19.
Studentino 20 jara, dez. kor. pri beatmuziko kaj sporto, kol. bk k. gramofondiskojn: Grazyna Barszczewska, ul. Bialostocka 25, **16-010 Wasilków.**
Oficistino 45jara dez. kor. kun gesamideanoj el GDR, precipe el Rostock pri ĉ. t.: Maria Zejer, Woj. Szpital Reumatologiczny, **43-450 Ustroń,** ul. Słoneczna 1, Woj. Katowice.

---


Herausgeber: Kulturbund der DDR (Zentraler Arbeitskreis Esperanto).
Redaktion: 108 Berlin, Charlottenstr. 60.
Fernruf: 2 20 29 91
Verantwortl. Redakteur: Detlev Blanke.
Redaktionskommission: Otto Bäßler, Dr. Hans Eichhorn, Rudi Graetz, Rudolf Hahlbohm, Willi Vildebrand. - Veröffentlicht unter der Lizenznummer 648 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DDR. - Erscheinungsweise: 6mal im Jahr. Preis pro Einzelheft 30 Pf.
Druck: Druckwerkstätte Glauchau
III-12-8 580